# ESPERANTO

**Internacia Revuo, eldonata de la Universala Esperanto-Asocio**

**Fondinto: H. Hodler.†**

**Redaktoro (Provizora): M. Movo.**

**Redakcio: I, Tour de l'Ile,**

**GENÈVE, Svislando**

**ENHAVO:**



**32-a Jaro N° 427**

**MARTO 1936**

# EN LA FLAVA MARO

(Ĥinujo)

*Tiuj ĉi du kolosaj rokoj, kiuj troviĝas en la Flava Maro, memorigas pri la mitologiaj monstroj — Skilo kaj Karibdo — el la Homera Odiseo. Ilia formo homsimila faras ilin herooj de multaj legendoj kaj popolaj rakontoj.*



# Universala Esperanto-Asocio



Centra Oficejo :
1, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svisl.

## Oficiala Informilo

28-a Administra Jaro 1935/36
N-ro 5 — Marto 1936

---

*Esperanto en Germanujo.*

La anstataŭanto de la Gvidanto de la nacisocialista partio per ordono de 18.2.1936 malpermesis, al ĉiuj membroj de la partio esti anoj de kiu ajn organizo por artefarita lingvo. Ĉar la ordono validas ankaŭ por la tiel nomataj suborganizoj de la partio, nur malmultaj esperantistoj ne estas atingitaj de la malpermeso. La oficiala motivo de la malpermeso estas la « kontraŭdiro al la bazaj vidmanieroj de la nacisocialismo » kaj servado al « interesoj de superŝtataj potencoj ».

*Eksiĝoj de germanaj komitatanoj.*

Sekve de la malpermeso al membroj de la nacisocialista partio kaj de ĝiaj t.n. suborganizoj aparteni al organizoj de artefaritaj lingvoj eksiĝis : *a*) S-ro D-ro A. Vogt, kiel vicprezidanto de la Komitato, kiel estrarano kaj kiel membro de UEA, *b*) la Honora kaj Dumviva membro kaj antaŭa multjara meritplena ĉefdelegito de UEA, S-ro Fritz Rockmann, kiel komitatano kaj membro de UEA.

Ni sincere bedaŭras la foriron de tiuj kunlaborantoj, kun kiuj ni dum multaj jaroj man-en-mane agadis kaj batalis.

*Kunveno de la Estraro.*

Samkiel en la antaŭaj jaroj, la ĉi-jara laŭstatuta Paska Kunveno de la Estraro okazos en la Centra Oficejo de UEA en Ĝenevo. La unua kunsido okazos sabaton, la 11 aprilo (je 9, 30 h.).

*Dr. Esperanto-Internacia Lingvo.*

Ni preparas la reeldonon de la broŝuro, per kiu la aŭtoro de Esperanto efektivigis sian multjaran revon pri la diskonigo de la lingvo de li kreita. La pseŭdonimo, per kiu D-ro Zamenhof subskribis la broŝuron, fariĝis la nomo de la lingvo mem. La reeldono okazos ne per komposto, sed per fotografado, por ke la broŝuro precize konservu la aspekton kaj la karakteron de la originalo, aperinta en 1887. Ĉiu Esperanto-grupo kaj ĉiu vera esperantisto sendube deziros posedi tiun unikan historian dokumenton. Ĉar la eldonkvanto estos limigita, estas konsilinde jam nun antaŭmendi la broŝuron.

*Jarlibro 1936.*

La manuskripto de la jarlibro estas jam preskaŭ tute preta. La aranĝoj kun la presejo forigas iun dubon pri la ĝustatempa apero de la jarlibro. Ĝi estos presigita kaj forsendita post kelkaj monatoj — *ĉiukaze antaŭ la fino de la agadjaro.*

*Pri novaj delegitoj.*

Pro la granda signifo de la disvastigo de nia delegit-reto, la aliĝintaj naciaj societoj, ĉefdelegitoj, sekretarioj kaj perantoj estas petataj zorgi pri la nomigo de delegitoj en lokoj de sia lando, kie la delegitofico vakas. Estas tre dezirinde, ke la novaj delegitoj estu indikitaj jam en la jarlibro 1936. Ni atendas plej baldaŭajn sciigojn.

M. Movo, *Provizora Direktoro.*

### ADRESARO : NOVAJ LOKOJ KUN DELEGITOJ

**Germanujo**

*Frankfurt a-M.-Höchst.* — VD : Willy Pestinger, lignajisto, Breuerwiesen Str. 3.

**Hungarujo**

*Szeged.* — D : Ernö Farkas, Kecskeméti utca 12.

**Japanujo**

*Jokohama.* (Kvartalo Kanagana) — D : Ŝociĉi Nikkaŭa, Minamikaruizaŭa 18. Kanagaŭa-ku.
*Tokio.* — FD : (Medicino) Nishi-Seiho, Tokio Imperia Universitato.

**Svedujo**

*Alingsas.* — D : Paul Embring, Instruisto.
*Alby.* — D : Anders Brodin, Presisto.
*Göteborg.* — VD : Erik Ekström, Konstrulaboristo, Vegagatan 10.
*Skillingaryd.* — D : S-ino M. Thoraeus, Akuŝistino.
*Skutskär* (Uppland). — D : Erik Gabriel Reidmar, Florvendisto, Upplandsbodarna.
*Sundsvall* (Medelpad). — D : E-E. Björkstrand, Telegrafa oficisto, Kaptensgatan 9.
*Växjö.* — D : Paul Jacobsson, Instruisto, Fabriksgatan 17.

**Usono**

*Montpelier* (Vermont). — D : S-ino Nellie Monte Gill, Teatra estrino, 22 Bailey Avenue.

### EKSIĜOJ KAJ FORSTREKOJ

*Aŭstralio:* Perth.
*Aŭstrio:* Voitsberg.
*Britujo:* London (VD : Roffey).
*Ĉeĥoslovakio:* Bakov (D) ; Drahowitz ; Mala Bela p. Bakov n-J. ; Praha-Nusle (FD : Agrikulturo).
*Francujo:* Rethel (Ardennes).
*Germanujo:* Altenstadt, Hessen ; Berlin W. 8. (Breit) ; Berlin-Köpenik (Brüning) ; Bochum ; Frankfurt-a-M.-Höchst (D) ; Krummenhennersdorf i. V. ; Limbach. i-Sa. (D).
*Italujo:* Genova.
*Japanujo:* Tokio (FD : meĥaniko).
*Litovio:* Kazlu-Ruda.
*Nederlanda-Hindujo:* Serbalawan.
*Portugalujo:* Barreiro (VD) ; Porto (VD).

### SANĜOJ

**anstataŭ la ĝisnuna delegito funkcias :**

**Alĝerio**

*Philippeville.* — André Arcamone, Komercoficisto, 28, rue d'Austerlitz.

**Aŭstrio**

*Rodaun b. Wien N-O.* — D : Franz Braun, Ekonomiestro e. P. Schubertgasse 1.

**Britujo**

*Rochdale* (Lancs.). — D : Thomas Woolfenden, Komercisto, 22-24 Cheetham Street.

**Ĉeĥoslavakio**

*Koprivnice* (Morava). — S-ino K. Peschke 225.

**Germanujo**

*Lübeck.* — VD : G. Klefe, Komercisto, An der Untertrave 49.

**Portugalujo**

*Porto.* — D-ro J. Sanches de Castro, R. do Bonfin 76 1º e Santos.

**Svedujo**

*Örebro.* — D : S-ro Bernhard Lavén, Linnégatan 5, Hagaby.

**Svislando**

*Genève.* — S-ro Paul Bouvier, 1, rue Marignac 3.

# GRAVAJ DECIDOJ

La Komitato de UEA ĵus alprenis gravan decidon : la sidejo de la Universala Esperanto-Asocio translokiĝos al Londono.

Kial tiu translokiĝo ?

Tiuj, kiuj ĉeestis la Kongreson en Stockholmo, scias, en kiuj kondiĉoj okazis gravaj ŝanĝoj en la gvidado de nia movado. La monrezervoj per kiuj oni kutimis ŝtopi ĉiujare la truojn de deficita budĝeto estis formanĝitaj, kaj UEA ne plu povis vivi. En la numero de « Esperanto » de aŭgusto-novembro 1934 mi jam klarigis, ke UEA atingis la randon de la abismo, kaj ke ĝi ne plu povos vivi eĉ kelkajn monatojn, se oni ne ŝanĝos radikale la sistemon.

Ho ! mi ja scias, ke mono ne estas ĉio. Oni jam skribis al mi, ke ĝi estas nur « flanka afero » en nia movado. Ankaŭ nutraĵo devas esti flanka afero en vivo de homo ; tamen eĉ la plej idealistoj devas manĝi, perlabori sian vivon, kaj kalkuli sian monon ; nur poste ili povas trankvile zorgi pri pli idealaj taskoj. Mi, al kiu, kiel al prezidanto, estis komisiita la tasko pagigi la luprezon, la salajrojn, la presadojn, la poŝtelspezojn, ktp..., t.e. zorgi pri la « nutraĵo » de nia Oficejo, ne rajtas dormi trankvile kaj, vekiĝante morgaŭ, diri : Sinjoro, mi ne plu povas pagi : ni fermas la Oficejon. Malgraŭ ĉiuj baroj sed kun plej granda malfacileco ni povis ekvilibri la budĝeton 1935. Por tio ni devis fari tre gravajn ŝparojn : vi scias, ke nia jarlibro 1935, kvankam bone prezentita, estas tute ne sufiĉa kaj nur malgranda suplemento al la jarlibro 1934. Se ni daŭrigus tiun metodon en 1936, ni certe perdus plej grandan parton de niaj membroj kun jarlibro.

Kaj tamen S-ro Kreuz, kelkajn tagojn antaŭ sia morto, deklaris al mi : Ni povos publikigi jarlibron en 1936 nur se niaj enspezoj tre senteble plialtiĝos. Sed la enspezoj ne plialtiĝis... Kaj mi ne parolas pli la aliaj elspezoj necesaj, kiujn ni devis rezigni, ne ekvidante pli favorajn cirkonstancojn : ekzemple ni devis malpliigi la nombron de niaj oficistoj.

Kion fari ? Jam de kelka tempo diversaj Komitatanoj, kaj aliaj esperantistoj, diris : Kial vi ne translokiĝas en landon, kie la elspezoj estos tre senteble pli malaltaj, en landon sen orbazo, kie nia Oficejo povos vivi pli malmultekoste, ktp., kaj oni proponis diversajn urbojn.

Sed — ĉu mi konfesos ? — la penso, ke ni forlasus Ĝenevon, kiu de multaj jaroj fariĝis por la esperantistoj kvazaŭ simbolo, ĉagrenis min tiel, ke ĝis nun mi ne kuraĝis esplori la aferon.

Antaŭ 2 monatoj mortis S-ro Kreuz, nia Direktoro, kaj denove — neeviteble — sin prezentis la problemo pri estonteco de UEA. Kelkaj el niaj plej agemaj Komitatanoj faris diversajn komunajn proponojn, el kiuj la plej grava estas transporto de nia sidejo al Londono. Aliaj proponis Vienon.

La Komitatanoj voĉdonis. El 21 respondoj ricevitaj antaŭ la limdato fiksita :

4 volis resti en Ĝenevo.

17 akceptis la proponon forlasi Ĝenevon, el kiuj 11 preferis Londonon, kaj 6 preferis Vienon.

Granda plimulto (kvar kvinonoj) konsentis do translokiĝon.

En Londono jam sidas multaj internaciaj Asocioj. La Brita Esperanto-Asocio estas unu el niaj plej prosperaj. En Londono nia Direktoro estos S-ro Goldsmith, kies agemo estas konata al ĉiuj, kaj jam atingis tre belajn rezultatojn en Britujo.

La aliaj decidoj alprenitaj de la Komitato rilatas pli al la interna funkciado ol al la esperantista publiko. Ilia ĉefa celo estas pli vigle antaŭenpuŝi la ĝeneralan propagandon. Informoj aperos kiam la detaloj estos esploritaj.

---

Nun ni estas organizitaj en grupoj, en landaj Asocioj. Nia UEA, grupiĝo de tiuj landaj Asocioj, principe korespondas kun ili, kun la ĉefdelegitoj, kun kelkaj propagandistoj, kun fakaj Asocioj, kun liverantoj, ktp. Sed nenio ŝanĝiĝos por la esperantista publiko, kiu konas nur sian landan Asocion.

Tamen mi scias, ke translokiĝo de nia sidejo plaĉos ne al ĉiuj samideanoj : tiun senton mi tiom pli bone komprenas, ke ankaŭ mi mem bedaŭras tiun ŝanĝon. En Stockholmo, kiam oni elektis min Prezidanto, mi deklaris : « La situacio estas preskaŭ malesperiga, la cirkonstancoj estas plej malfavoraj ; sed ni havas fidon, ni batalos, ni venkos ». Nu ! dum pli ol unu jaro ni batalis, kaj ni povis nur traviveti, atendante pli favoran tempon, kies aŭroron ni ne ankoraŭ vidas. Ni ne povas plu eĉ traviveti, farante la neceson. Mi estis promesinta venki la malfacilaĵojn, kaj ĉion eblan mi faros por ke UEA ne nur vivu, sed vigle laboru por la propagando. La Komitato prenis sur sin sian respondecon.

En ĉiu lando la Komitatanoj, la landaj Asocioj montru la motivojn, la neprecon de niaj decidoj, kaj diru al la Esperantistaro : « En Londono aŭ en Ĝenevo, la situacio estos la sama por vi ; nur la adreso enskribita sur nian jarlibron kaj sur nian revuon ŝanĝiĝos. Nia standardo ne staras en tiu ĉi aŭ tiu urbo : en niaj koroj ĝi flirtas. La grava afero estas, ke UEA vivu : ĝi vivu en Londono prefere ol ĝi mortu en sia nuna sidejo ! »

Louis Bastien,
*Prezidanto de UEA.*

# La « Gazeta demando »

*Post kelka hezito ni decidis publkigi la leteron de D-ro W. Malgalm, kiel materialon por la baldaŭe necesaj respondaj decidoj.*

*La Redakcio.*

Tre estimata sinjoro Redaktoro !

La ĉefartikolo en « Heroldo de Esperanto » de 15 marto montras, ke la tiel nomata « gezeta demando », al kiu en la lastaj jaroj estis dediĉitaj multaj kolonoj sur niaj gazetoj, denove minacas fariĝi aktuala — certe pro la morto de la antaŭa direktoro de UEA, Sro Robert Kreuz, kaj pro la atendataj ŝanĝoj en la sistemo kaj metodoj de la afergvidado de la Centra Oficejo.

Bedaŭrinde oni devas konstati, ke ĝis nun la problemo estis pritraktita precipe de personoj aŭ interesitaj aŭ ne sufiĉe kompetentaj en la koncerna kampo. Kiel ofte okazas, ankaŭ ĉi-kaze oni plejparte kaŝis sin malantaŭ vortoj, kies realan sencon oni ne penadis penetri.

Provo precizigi la esencon, la amplekson kaj la veran signifon de la demando estos eble utila materialo por la personoj, respondecaj pri la laboro de UEA. Opiniante, ke mia rilato al Esperanto kaj mia kelkdekjara okupo pri la gazeta fako rajtigas min paroli pri la problemo kun certa kompetenteco, mi direktas al vi kelkajn liniojn, kiujn vi povas uzi laŭ via bontrovo.

De kelka tempo, en niaj medioj, kiujn malĝojigas la malfacilaĵoj de la movado, fariĝis preskaŭ modo protesti kontraŭ la kvazaŭ tro granda nombro de niaj gazetoj, havantaj — laŭ opinio de tiuj medioj — tute nekontentigan enhavon kaj kondamnitaj nur vegeti dum sia tuta, plejparte ne longdaŭra, vivo. Ankaŭ « Esperanto » estas prezentata kiel tute superflua, en nia kriza tempo ne pardonebla, luksaĵo, kiam ekzistas apude « grandformata, semajna, riĉenhava » gazeto, kiu povas liveri al la legantaro « freŝajn » informojn kaj ne maljuniĝintajn, donatajn en « Esperanto ». UEA ĉesigu la eldonon de « Esperanto », « oficialigu » la grandformatan semajnan « Heroldo de Esperanto » kaj zorgu, ke ankaŭ la naciaj societoj ne plu daŭrigu siajn gazetojn. Anstataŭ multnombraj maroj kaj lagoj ekestos tiam multakva potenca oceano, kiu facile kaj rapide transportos nian belan ŝipon al la sopirataj bordoj.

Simple kaj klare, ĉu ne ? Sed bedaŭrinde... tro naive.

En ĉiuj landoj ekzistas centoj kaj miloj da gazetoj kaj gazetetoj. Ne nur en landoj kapitalistaj, kie diversaj interessferoj kaj la profitemo kreas gazetojn, sed ankaŭ en la Sovet-Unio ekzistas ne unu — aperanta en multaj milionoj da ekzempleroj — gazeto, sed dekmiloj kaj dekmiloj da gazetoj kaj ĵurnaloj : centraj kaj lokaj, grandaj kaj malgrandaj, gravaj kaj negravaj. Ĉu vi pensas, ke tiu fakto estas nur hazardo, estas sekvo de senzorga malŝparo ?

Ni, esperantistoj, devas aparte konsideri, ke nia modela belsona kaj senfine pliriĉigebla lingvo estas tro juna, ankoraŭ ne sufiĉe ellaborita — ĉar ne sufiĉe jam uzita. Se nia lingvo estas hodiaŭ nekompareble pli riĉa ol antaŭ tridek jaroj, la dankon ni ŝuldas al nia literaturo, al niaj verkistoj kaj *unuavice* al niaj ĵurnalistoj. Centoj da iliaj nekonataj kaj nepretendemaj plumoj tagon post tago per kreado de novaj vortoj, de novaj esprimoj pliriĉigas la lingvon, precizigas kaj poluras ĝin — ĝuste danke al la granda nombro de la « senvaloraj » kaj tute « superfluaj » gazetoj. Ĉu ili povos daŭrigi sian tiom utilan kaj necesan laboron, se ni havos nur unu aŭ nur kelkajn gazetojn.

La demando havas cetere nur teorian karakteron. La naciaj societoj neniam konsentos ĉesigi la eldonon de siaj gazetoj, plejparte kreitaj post granda penado kaj kun multaj oferoj. Estas menciinde, ke en ĉiuj poresperantaj ekspozicioj, kiam oni deziras montri la disvolvon kaj la disvastiĝon de nia lingvo, oni antaŭ ĉio montras kolekton da niaj gazetoj. Ni do feliĉe posedas sanan instikton.

Verdire tamen la landaj « multnombraj » revuoj ne multe interesas la iniciatantojn de la reformo, kiun oni iom tro brue, por la moroj de nia modesta lando, postulas. Okupas ilin ĉefe nur du gazetoj : « Esperanto » kaj « Heroldo de Esperanto ». Kun S-ro Jung ili insistas, ke « Heroldo de Esperanto » estu « oficialigita » kaj ke « Esperanto » malaperu, malaperu almenaŭ kiel memstara, nur de UEA dependa kaj nur por UEA laboranta organo. La malapero de « Esperanto » estos granda ŝparo. Por kiu ?

Oni ne povas supozi, ke la subtitolo « oficiala » sur la gazeto multe interesas la eldoniston de « Heroldo de Esperanto », nek ke la stato de la kaso de UEA tiagrade senripozigas lin. S-ro Jung kredas, ke la malapero de « Esperanto » tiamezure pligrandigos la nombron da abonantoj de « Heroldo de Esperanto », ke li ekpovos daŭrigi sian laboron senzorge kaj sur pli larĝa bazo. Bedaŭrinde ne nur estas lia argumentado malĝusta — li ankaŭ eraras en tiuj siaj atendoj. Nur pli forta movado povas fari pli bona la situacion de « Heroldo de Esperanto ». Ĉu malapero de « Esperanto » signifus tamen plifortigon de nia afero ?

UEA, celanta koncentrigi, gvidi kaj estri la tutan Esperanto-movadon, nepre bezonas propran organon — por varbi novajn aliĝintojn, por subteni la propagandajn klopodojn de diversaj partoj de la movado, por informadi pri la atingitaj

sukcesoj, por formi la publikan opinion de la esperantistaro. Tiu organo, devanta respeguli la vivon de la movado kaj la agadon de UEA, devas esti farata de la gvidantoj de UEA mem aŭ de personoj, kiuj troviĝas en konstanta seninterrompa kontakto kun ili. Nur UEA estas respondeca pri la enhavo de « Esperanto ». Nun S-ro Jung volas preni sur sin la faradon de « Esperanto ». Se li deziras esti nur la eldonisto, tio estus je certaj kondiĉoj akceptebla, kvankam preferinda estus eldonisto, kiu ne eldonas samtempe propran parencan periodaĵon. Se li volas ankaŭ redakti la gazeton, li nepre devas fariĝi — egale ĉu pagata ĉu senpaga — dependa de la direkcio de UEA redaktoro. Ĉi-kaze estus rekomendinde paroli ne pri la kunfandigo de la du gazetoj, sed tute klare pri nomigo de S-ro Jung redaktoro de « Esperanto ». Ĉu tia reformo estas racia kaj necesa ?

Estas vere, ke « Esperanto » nuntempe ne tute kontentige plenumas sian taskon. Ĝia enhavo devas esti parte ŝanĝita parte kompletigita, la tendenco iom reliefigita, sed... Sendiskuteble « Heroldo de Esperanto » havas grandajn meritojn pri nia movado. Ĝia malapero ekzemple estus terura bato por ni. Neniu tamen diros, ke la gazeto estas modele gvidata, modele organizita. Dum dekses jaroj de sia ekzistado la gazeto sukcesis gajni nur tute malgrandan parteton de la esperantistaro, parteton, kiu rekrutiĝas preskaŭ ekskluzive el niaj fervoruloj, abonantaj la gazeton pli pro devo ol pro intereso. Cirkonstanco sufiĉe karakteriza kaj konsiderota.

La « reformantoj », influitaj per certaj gazetartikoloj, riproĉe indikas, ke « Esperanto » publikigas nur malfreŝajn novaĵojn. En ĉiuj landoj tamen ekzistas, krom multnombraj tagaj ĵurnaloj, *ampleksantaj preskaŭ la tutan loĝantaron*, ankaŭ semajnaj revuoj — ne nur literaturaj, artaj aŭ fakaj, sed ankaŭ inform-politikaj. Aperante unu fojon semajne, ili publikigas novaĵojn — ne malpli urĝajn kaj ne malpli gravajn ol la novaĵoj, kiujn publikigas niaj gazetoj — jam antaŭ kelkaj tagoj publikigitajn en la taga gazetaro. Neniu trovas tiun situacion nenormala. Kaj multaj el tiuj gazetoj estas publikigataj en milionoj da ekzempleroj.

Krom idealaj konsideroj, multaj gazetoj havas ankoraŭ financajn interesojn. Havas ilin certe ankaŭ UEA, varbante membrojn-abonantojn. Ĉu la « reformantoj », interesitaj pri la sorto de UEA, konsideris tiun flankon de la problemo ? « Esperanto » certe devas esti perfektigita, sed la « konkurantaj » eldonaĵoj ne estas pli perfektaj, kaj monopolo neniam faris la laboron de la monopolisto pli bona.

Mi ne kuraĝas daŭrigi : la letero estas jam tro longa. Konklude mi volas nur atentigi, ke propra revuo, ekzistanta pli ol 30 jaroj, estas granda valoraĵo. UEA devas penadi konkeri novajn poziciojn, sed ĝi neniel rajtas fordoni ion, jam akiritan.

Via sindona

D-ro W. MALGALM.

Deutschlands




Treudank.

GEWIDMET

der Universala Esperanto Asocio, Bern,

VON·DER·ABTEILUNG·FÜR·GEFANGENENFRAGEN·BEI
DER·DEUTSCHEN·GESANDTSCHAFT·IN·BERN·
1919

SO·ZIEHT·DER·FREMDE·DENN·VON·DANNEN
WUND·KAM·ER·HER·AN·LEIB·UND·SEELE·WUND
DU·HEILTEST·SEINEN·LEIB·UND·SEINE·SEELE
DAS·DANKT·ER·EWIG·DIR·MIT·HAND·UND·MUND
DIE·MUTTER·DIE·DES·ALTERS·STÜTZE·WARTET
DIE·KINDER·DIE·DES·VATERS·LANG·ENTBEHRT
DIE·GATTIN·DIE·IN·TREUEN·AUSGEHARRET
DAS·GANZE·VOLK·DAS·RECHTE·MÄNNER·EHRT
SIE·ALLE·DANKEN·DIR·DASS·DU·DIE·WUNDEN
DIE·KRIEG·UND·NOT·GESCHLAGEN
HAST·VERBUNDEN
DAS·ALTE·STÜRZT·DAS·GUTE·SEI·DAS·NEUE
DOCH·UNSER·DANK·IST·ALTE·DEUTSCHE·TREUE

## LA FIDELA DANKO DE GERMANUJO

estas titolita la dank-diplomo, kiun la Universala Esperanto-Asocio en 1919 ricevis de la Germana Registaro. (La servoj, kiujn UEA tiam faris al ĉiulandaj militkaptitoj, estas ja konataj).

La teksto de la diplomo finiĝas per la vortoj :

**" Nia danko estas malnova germana fideleco ".**

*Okaze de la nuna rilato al nia Asocio en Germanujo, ni reproduktas (malpligrandigite) la diplomon, kiu pendas en la biblioteko de UEA.*

Ni ĝojas pri la ebleco publikigi postmortan noveleton el la plumo de la fama frato de nia Majstro.

# Printempo venis...

En regno de Helios (antikva dio de l'suno) estas granda svarmo kaj tumulto. Potenca reĝo disaŭdigas per reĝa korno al ĉiuj siaj sunfilinoj, belegaj kaj petolemaj Radioj, urĝan alvokon :

— Aŭskultu ĉiuj ! morgaŭ frumatene ni grandare malsupreniros sur la teron por 6 monata gastado. Malvarma vintro forlasas jam la teron, kaj nun venas nia regado. Prepariĝu ĉiuj kaj memoru — ne hontigi min, dion de l'suno ! Mi ne ripetos al vi kion vi devas fari. Vi bone scias. Kiel kutime : varmigi la teron kaj brili malavare... Al riĉuloj pli, al malriĉuloj... nu, vi jam komprenas.

— Ni komprenas !... Vivu patro nia kaj sinjoro, potenca Helios !... ekkriis ĝoje la sunfilinoj.

Nur unu, bluokula kaj bonkora radieto, ne partoprenis en la komuna ĝojo. Nur ŝi unu ne komprenis la patron.

*
* *

Sur la tero estas granda movado. En aero kvazaŭ pendiĝis iu festo.

Io ludas, tintas, kantas... Spirado fariĝis pli facila, kvazaŭ oni per blovilo forĝista enblovadus en pulmojn varman, freŝan aeron.

Riveroj el sub glacia tavolo elsaltis gaje sur bordojn, kvazaŭ junaj ĉevalidoj lasitaj libere el la stalo. Montoj liberigis for la neĝojn, kiuj kovris iliajn pintojn. La neĝaro gaje malsuprenfalante, ŝaŭme kuniĝas kun riveroj en unu kapturnigan, frenezan kuron.

— Hu !... ha !... ĉiu, ĉio ĝojas kaj benas :

— Printempo venas !...

*
* *

En kelo sur pajlosako kuŝas eta Jaĉjo. Li piedbatas, suĉas fingretojn. Jen li ploras, jen ridas, jen balbutas... Kvazaŭ parolas al iu, al io. Demandas, klarigas — eble plendas ? Apud li sur tero sidas Aĉjo, kvarjara knabo. Vane li penas veturigi difektitan aŭtomobilon, kiun li hieraŭ trovis en la korta balaaĵujo. Oni ja ne elĵetas bonajn ludilojn !... En la kelo estas mallume, humide kaj malvarme. Malgranda fenestro, plenkovrita per polvo, tre avare penetrigas la lumon el malgranda korto.

Ilia patrino iris en urbon al laboro. Patro — tiu ĉi mortis jam de longe. Tie ĉi oni ankoraŭ ne scias pri la heroldoj de l'printempo. Tien ĉi ne enpenetras la poŝto el regionoj ĉielaj.

Estas la sepa matene. Sur aliaj stratoj la Heliosa avangardo jam de longe malfermigis fenestrojn, surprize vekinte la dormemulojn. En la kelo estas ankoraŭ nokto. Subite jen supre ĉe la fenestreto io eklumiĝis... Iu enrigardas... Ĵetis en la kelon oran sunradion, varman, gajan... Sur la pajlosakon, sur ambaŭ infanojn. Unu... du... tri... kvar...

Jaĉjo kaptas, vidas, amuziĝas... Ellasas, denove kaptas...

Kia ĝojo !... Li forgesis pri la malsato, pri malvarmo... Aĉjo malfermis la buŝon... Rigardas, aŭskultas, miregas...

— Kiu, kio ?...

Ĉe la fenestreto staras kaj videtas bonkorulino, la Radieto.

— Tien ĉi, fratinoj ! Ĉiuj kune, amataj ! Venu grandare, rapide ! Ĵetu ni al ili plenmane, malavare ! Ĝoju ili kaj sciu ankaŭ, ke sur la tero estas jam printempo !... Ne ŝparu — mankas al neniu !...

— Prenu !... havu !... kaptu !... ĝoju !... Ha... ha... ha...

Estu justeco en la regno de Helios !...

Kaj, pleniginte la kelon ĝis plafono per oraj, brilaj sunradioj, ili ĉiuj forkuris kontentaj.

Helios en sia orsuna veturilo observadis la laboron de siaj filinoj.

Kaj jen estis la unua fojo, kiam la malĝojo kuŝiĝis sur lia radia frunto. Koron lian ekpremis kompato kaj en okuloj ekbrilis larmoj de granda pento.

Turnante sin al keloj kaj subtegmentoj, li diris :

— Pardonu min ! mi estis maljusta...

Kaj tuj ordonis al siaj filinoj :

— Plenrajton por ĉiuj !... estu justeco en la regno de Helios !

Feliks ZAMENHOF.

---

## *Saluton, ho printemp' !*

laŭ melodio de SCHUMANN.

*Vi jam alportas, ho printemp',*
*Florojn, vivon, ĝojon.*
*Jam la funebra vintra temp'*
*Finis sian vojon.*
*Sub radioj de la sun',*
*Ĉio ekbrilas en rava kun',*
*jes, rava kun' !*

*Vi liberigas en bonfar'*
*Nin de kor-kateno.*
*Jen verdas herbo kaj arbar'*
*Pro la dolĉa beno.*
*Sur la arboj — muzikant':*
*Trile eksonas birdeta kant',*
*l'unua kant' !*

*Infan' kaj av', el sama kor',*
*Vian venon gloras.*
*Parfumas ĉion freŝ-odor'.*
*Ĉiu vin adoras !*
*Ho sezono de la bel',*
*Vin ni salutas kun am-fidel',*
*kun am-fidel' !*

Trad. Mad MEVO.

**UEA ricevis de la Prezidanto de la Ĉeĥoslovaka Respubliko, d-ro Eduard Beneŝ, propramane de li subskribitan dankleteron pro niaj bondeziroj okaze de lia elekto kiel Prezidanto.**

**Niaj samideanoj certe bone memoras la subtenon, kiun tiu ĉi granda kaj ne nur en sia lando influa politikisto je ĉiu konvena okazo havigas al nia movado.**



## Norvegujo - La Lando de la Noktomeza Suno

Apenaŭ kiu ajn alia lando en la mondo povas montri naturon tiom ŝanĝiĝantan. Alvenante ŝipe oni unue renkontas senfinon da nudaj insuletoj kaj rokinsuletetoj kiuj ĉirkaukronas la norvegan marbordon, estigas fortikan ŝirmilon kontraŭ la sovaĝa maro kaj ebligas la ĝuon de la vojaĝo laulonge de la norvega marbordo al turistoj, eĉ malmulte rezistantaj kontraŭ la marmalsano. Estas pli ol 150.000 da tiaj insuletoj kaj rokinsuletetoj, malantaŭ kiuj la akvo estas trankvila kiel en lago. Tiu-ĉi natura kanalo kondukas en la landon, en la fjordon.

Komence la fjordo estas larĝa kiel lagego kun fruktodonaj kamparoj ambaŭflanke, sed laŭ la enirado la fjordo iompost-iom mallarĝiĝas kaj havas ĉiam pli karakteron de kanalo. La montoj ambaŭflanke alproksimiĝas. Vertikale suprenstaras rokego je pluraj cent metrojn ĉielen, kaj tie supre falegas malsupren la akvofalo, vivigante la malserenan pejzaĝon.

La fjordo de la okcidenta regiono ĉiam estas impona kaj rava, sed ofte ĝi premas kaj silentigas. Tiam estas gajiga kaj freŝiga tereniri ĉe la fino de la fjordo al la sunoplena, senventa valo, kie la vojego grandakurbe kondukas supren al la monto kaj la vastajo. Ĉi-tie nenio baras la ĉirkaŭvidon. Profunde sube kuŝas la valo kaj la fjordo, supre oni vidas la helan nordlandan somerĉielon kaj ĉiuflanke la senfinan montovastajon aŭ neĝokovritajn montopintojn.

Oni ne kontentiĝu je la alrigardo al la norvegaj fjordoj el la promenejo de turista ŝipo, sed alteriĝu kaj ekskursu ankaŭ al la montoj kaj al la orientaj valoj. Tie oni trovos belajn pejzaĝojn, kiuj estas tute alispecaj ol tiuj, kiujn oni vidas en la okcidenta regiono.

Jotunheimen estas la dezirita loko por grimpuloj al montopintoj kaj la surglaciaraj vaguloj, kie ili trovas la plej bonan okazon por kulturi sian ravan sporton, kaj kie eĉ la malpli sperta turisto povas ĉirkaŭekskursi en la freŝiga monta aero kaj en la plej belega montonaturo.

Kio faras Norvegujon la elektita turistlando estas ne nur la grandioza naturo kun la mirinda alternado de monto, akvofalo kaj maro. Estas ankaŭ la belega lumado kaj la



saniga klimato. Somere la tagoj estas sen fino. En la nordaj partoj de la lando la suno troviĝas sur la ĉielo dum ĉiuj 24 horoj de la tagnokto. La fea lumado estigas oportunan solenan animstaton.

Dum tagoj, eĉ dum semajnoj, oni povas vojaĝi de fjordo al fjordo, kie ĉiu tago, ĉiu horo donas alian panoramon, de gajaj verdaj herbokampoj kaj flavaj grenkampoj ĝis malserenaj montoj kun ĝismaraj glaciaroj. Alte super ĉio ĉi tronas la neĝokovritaj montegoj en serena majesteco.

Sed en la sudaj partoj de la lando, sude de la polusa cirklo, kien ne penetras la radioj de la noktomeza suno, tie kuŝas la somera nokto en krepusko, kiu iom malfortigas la kolorludon kaj donas al la ĉirkaŭaĵoj la ĝustan nuancon por tiu revlando.

Tia estas Norvegujo, la fabela lando de la naturo.

G. Lampe.
*Direktoro de la tutlanda asocio por la turismo en Norvegujo.*



# Post la sekigado

**Fantaziaĵo en trisilaba versritmo**

Silento.
Neniu folio moviĝas.

Nek kantas birdetoj, nek pompas la floroj. La sun' senkompate forsuĉas la fortojn de homoj, de plantoj kaj bestoj.

La ĝiaj ne estas radioj sed lancoj brulvunde pikantaj la korpojn. Nur flavruĝa sonĝo la vivo plu estas, nur flavruĝa sonĝ' pri la morto.

La kampoj jam estas mortantaj, Pro polvotavolo la arboj griziĝas...

Ho Dio, kompatu nin, Dio, kompatu kaj savu por ni la rikolton.

Ankoraŭ neniu nubeto videbla ? Ankoraŭ neniu. La kupra ĉielo kondamne minacas : soifu ! ĝismorte sekiĝu ! Lacegaj ni estas ; doloras la cerboj. La noktoj ne donas ripozon.

... Jen, kio ? Spiral' sablerara alkuras, ĉu eble ? Ja dormas la vento !

— Ej, vidu ! Forkuru ! Nigriĝas la tago. Fantome ! Ne nuboj, do kio ?

Infanoj, forkuru, nun for de la domoj ! Sur bruston de l' tero vin ĵetu ! Ektondras ! Subite eksiblas — ciklono ! Fulmhokoj dekoble alsaltas. Ne povas protekti nin Teropatrino. Vi, Patro ĉiela nin savu. Malgrandaj ni iĝas, ho, muŝe malgrandaj. Raci' senkapabla jam svenas, nur restas instinkto de 'l vivo krianta : Ho, patro ĉiela, kompatu ! »

Krakego ! Forsuĉo... ĉu arbon ? — Arbegon ! Pli multajn... jam aron. Teruro !

Ne kriu, muŝhomo. Tro granda bruego. Neniu vin aŭdus, muŝhomo. — Neniu ? Ja Dio ! Mi sentas Lin. — Dio, kompatu, la etajn kompatu. Min prenu, negrave... Belega Vi estas ! Mi aŭdas Vin paŝi kaj spiri kaj voki. Majesta Vi estas, ho Patro. Vi movas la fingron : saltegas la fulmo ; Vi spiras : ekfajfas la vento ; Vi vokas : tondrege resonas la nuboj kaj fajro iĝante eksplode dissaltas. La astro ektremas sub Viaj piedoj, sed Viaj okuloj, ho ĉiopotenca, nin tenas, nin tenas eterne. La Via mi estas, minacu la morto. La Via mi restas eterne.

Pli larĝa blovego. Nun kio ? Ej, pluvo ! Pluveg' ekmuzikas.

Jam vana la timo. Ho rave, la pluvo ! Vivantaj kurtenoj el pluvo. Laŭritme marŝantaj armeoj da pluvo. Bonvola, konsola la pluvo !

La vent' mildiĝanta kunmarŝas, nin tuŝas ; la pluv' refreŝige nin lavas.

Nun aŭdu, infanoj, la pluvo muzikas. Nun danku : ni havos rikolton.

La tondro fulmete jam dormpalpebrumas... Ripoz'... resaniĝo... pluvado.

Arĝenta pluvet' kaj rideto sunbrila eksorĉas radian arkegon. Ridantaj koloroj.

— Jam novaj nubetoj kaj pluvo kaj pluvo kaj pluvo...

Bluiĝas la spaco ; ekhimnas la birdoj ; la arboj postgutas pluverojn ; marĉetoj spegulas bluajon kaj oron kaj blankajn, velantajn nubetojn...

Vespera krepusko ; varmetan nubaron la vento denove alspiras. Ho nokt', fekundiga, vi nokt' bonodora, nun lulu nin lacajn ĝisdorme ; la ombrokurtenojn kuntiru, ho dolĉa, kaj nin enbrakigu kaj lulu ĉebruste... dum flustre fabelas la vento vaganta kaj silke susuras la pluvo.

Jeanne Middelbeek. Arnhem, Nederlando.







Federacia Prezidanto de Aŭstrio
S-ro Wilhem Miklas
afable akceptis la Protektoraton.

*Somera Universitato:* Al la Registaroj reprezentataj en la S.U. de la 28-a, aliĝis ankaŭ la Nederlanda, kiu sendos kiel sian reprezentanton S-ron Inĝ. Isbrücker.

*Kongresejo:* La salonegoj de antaŭa imperiestra kastelo en Wien Neue Burg.

*Leter- kaj telegram-adreso:* Esperanto, Wien, Hofburg.

*Kongreskotizoj:*

Favorkitozoj, validaj *ĝis* 30 *de aprilo:*

| | | |
|---|---|---|
| I. Kongresano | Svisaj fr. | 23.— |
| II. Kotizo por familiano de kongresano | » | 14.25 |
| III. Kotizo por gejunuloj malpli ol 18-jaraj | » | 9.50 |
| IV. Kotizo por helpkongresanoj, kiuj ricevos ĉiujn dokumentojn, sed ne sendos reprezentanton | » | 12.— |

Pri la enpag-maniero vidu la antaŭan n-ron.
La programo estos publikigata en la sekvanta n-ro.

*Senpaga vizo:*

Ĉiu posedanto de valida pasporto envojaĝas en Aŭstrion *senpage*.
(Escepto : senŝtatanoj kaj civitanoj de U.S.S.R.).

*Antaŭ- kaj postkongresaj vojaĝoj « Tra Aŭstrio »:*

Preskaŭ 100 personoj jam aliĝis. Por ili ni prizorgis tranoktejojn ankaŭ en Salzburg. Por pluaj 100 la loĝejoj en Salzburg estas *certigitaj*. La poste aliĝontoj loĝos en la proksimeco de Salzburg kaj estos transportataj per niaj aŭtobusoj tien kaj reen. Tro malfrue aliĝontoj eble ne povos partopreni en la vojaĝo pro neebleco ricevi tranoktejon ankaŭ en la ĉirkaŭaĵo dum la treege forte frekventata *sezono de la Festludoj*.

*Senpaga vizo por la kongresanoj veturontaj al nia XXVIIIa en Wien tra Ĉeĥoslovaka Respubliko.*

Laŭ dekreto Nro. 162.872-V-4-35 de 13.I.1936 ministerio de eksterlandaj aferoj en Praha sciigas al petskribo de Neŭtrala Centro de Esperanto en Praha, ke la ministerio komisiis ĉsl. legaciojn doni al partoprenontoj de nia XXVIII-a en Wien — veturontaj tra Ĉehoslovakio — senpagajn vizojn ĉehoslovakajn.

*Rabatoj sur fervojoj:*

*Aŭstrio.* 25 % rabato sur la fervojo por tien- kaj reveturado kaj 60 % de la reveturprezo, se vi pagis la tutan tienveturadon al Vieno kaj restis tie 7 tagojn. — Sur la ŝipoj de Donau-Dampfschiffahrts-Kompanio 25 % por simpla veturado tien aŭ reen, ĉu sur la linioj de Passau aŭ de Giurgiu. Sur la lasta linia stacio post Budapest ĝis Giurgiu al Vieno kaj returnen vi nur pagos la prezon por unu vojaĝo (la laŭflua).

*Ĉeĥoslovakio.* Fervojministerio donas al la kongresanoj ĉu ĉeĥoslovakoj aŭ alilandanoj 25 % rabaton je speciala legitimilo, kiun donas la fervojdirekcio en Praha post prezentado de koncerna listo de la traveturantoj. Tiun aferon prizorgos por ĉiuj en afabla maniero « Neŭtrala Centro de Esperanto en Praha-Smichov 106 (s-ano Bloch) ». Bonvolu mendi, aldonante 3 respondkuponojn por la elspezoj, legitimilo kaj leterafranko, kaj mencii : Limstacio, tra kiu vi eniras kaj kie vi eliras al Aŭstrio kaj la sama por la revojo, ĉu vi veturos en 2 aŭ 3 kl. kaj ĉu per rapid- aŭ ordinara trajno. Ne forgesu skribi kaj mendi !

*Rabato sur belgaj fervojoj kaj ŝipoj Dover-Ostendo.*

Ni havas la plezuron sciigi al vi, ke sekve al nia peto ni ricevis de la nacia Societo de la Belgaj fervojoj leteron, kies tradukon vi trovas ĉi-sube :

« La personoj, kiuj partoprenos la kongreson aranĝitan en Vieno de 6a ĝis la 15a de Aŭgusto 1936, povos ĝui sur la belgaj fervojoj individuan rabaton de 35 % sur la normalaj prezoj de la vojaĝbiletoj.

Tiu rabato estos konsentita kontraŭ transdono je la giĉeto de la forir-stacio, aŭ eventuale je tiu de la enir-stacio en Belgujo, de rabatrajtigilo ricevebla de la « Belga Ligo Esperantista ».

La kongresano, se li ne postulos la kontraŭon, ricevos ir-kaj reven biletojn, kiuj estos validaj ĝis post la fino de la kongreso.

Se la kongresano postulos nur simplan bileton, sama rabatrajtigilo devos esti uzata por ricevi la bileton je la limstacio, dum la reveno.

La profitantoj de tiu decido devos krome posedi kongreskarton subskribitan de ili ; tiu karto utilos dum la staci-kaj vojkontroloj kiel rajtigilo por la posedo de bileto je prezo rabatita je 35 %.

La rabato estos konsentita por la ir-vojaĝo, de la 15a de julio, por la revenvojaĝo ĝis la 31a de aŭgusto 1936.

La partoprenantoj, irantaj al Vieno tra *Dover-Ostendo* povos ricevi, je la oficejo de « CONTINENTAL EXPRESS Ltd » en Dover (Marine) rabatitajn biletojn Dover-Hergenrath (landlimo), kaj revene, validajn dum 30 tagoj.

Krome, tiaj biletoj povos esti ricevitaj en la stacio de Londono (Victoria), kaj en niaj agentejoj en Anglujo, kune

kun rabatitaj biletoj por la vojo Londono-Dover kaj revene kun sama valid-daŭro.

Tiuj biletoj estos riceveblaj kontraŭ atesto, kiu utilos por la stacio- kaj voj-kontroloj kiel rajtigilo por rabatita bileto.

La rabatoj estos :

Brita vojiro 33 1/3%, Ostendo-Dover 30%, Poll Tax ĝis Dover 50%, Belga fervojo 35%.

Kiel antaŭe, la necesajn rabatkartojn nia Ligo dissendos al la kongresanoj, kiuj ĝin petos, sendante samtempe ĉiujn necesajn detalojn kaj po unu respondkuponon por ĉiu petita rabatilo.

La rabatilojn oni postulu je adreso « Reĝa Belga Ligo Esperantista » 19, Avenue Montjoie, Uccle 3 (Belgujo). Leteroj ne provizitaj per respondkupono ne estos responditaj.

*Germanujo:* Rabato de 20% travojaĝante Germanujon por la vizito de la Kongreso. Bileto de Sassnitz ĝis Bodenbach 2 kl. Rm. 56.65, 3 kl. 37.10. — 40% rabato por tiuj, kiuj venas per ŝipo al Königsberg aŭ al limstacio kontraŭ Litovujo kaj Polujo kaj de tie veturas trans Orientprusujo. De Königsberg al Bodenbach kaj reen 2 kl. 68.60, 3 kl. 45.05. — Je komuna vojaĝo de minimume 25 pers. de norda germana limstacio ĝis Bodenbach 40% rab. — Necesas, ke ĉiu nord-landano, traveturonta Germanujon, tuj skribu al Komercista Esperanto-Unio, Dresden-Radebeul, Friedrich-August-Strasse 4, pri la elektita vojo, por ke ni notu kiom da personoj interesiĝas pri la rabatitaj biletoj, Ni post certa tempo informos la interesulojn, ĉu estos ebla komuna vojaĝo kun 40% rabato aŭ nur unuopa vojaĝo kun 20%rabato.

Post nia avizo estos necese sendi al ni (kelkajn semajnojn antaŭ la kongreso) la monon por ke ni aĉetu kaj sendu la biletkajeron. Por niaj elspezoj ni postulos de ĉiu pagon de RM. 2.—.

*Rumanujo:* La Rumana Esperantista Societo akiris ĉe la rumanaj fervojoj, ke oni aprobis 50 %-an rabaton sur la revetur-prezoj.

*Polujo:* Sekve de l'interveno de l'Aŭstria Registaro la LKK ricevis la informon, ke la kongresanoj el Polujo ĝuos la laŭeble plej grandajn rabatojn ĉe la pago por la pasporto kaj elirvizo.



Laxenburg : proksime de Wien. Akvokastelo.



*Zell am See:* ĉe la fino de Grossglockner-Transalpa Ŝoseo en Salzburg.

## Internacia Konferenco de Virinoj

kun la temo :

*« La reakcio de la politika kaj ekonomia situacio de Eŭropo sur la situacion de la virinoj ».*

En la kadro de la 28-a okazos vesperkunveno de la virinoj en granda festsalono de Hofburg (imperiestra kastelo), la 12 de aŭg. je la 18 h kun la supre menciita temo, aliĝante al la temo de Somera Universitato.

Jam nun 28 nacioj anoncis delegitojn al la Kongreso.

Al la inoj, partoprenantaj en la Kongreso, certe tre plaĉos, ke la temo de Somera Universitato ankaŭ estu pritraktota el la vidpunkto de la virinoj.

Je ĉi tiu kunsido estas paroladoj allasataj en germana, franca, angla kaj Esperanto-lingvoj, kun traduko en Esp.

La respondkonsciaj kaj spirite viglaj virinoj de ĉiuj kulturnacioj sentas en la nuna mondsituacio pli forte sian solidarecon, la saman direkton de siaj timoj kaj esperoj. Ili ankaŭ rekonas la gravecon de publika defendo de tio, kion ilia konscio kaj la al ili donita respondeco kiel virinoj kaj patrinoj postulas.

« Bund österreichischer Frauenvereine (Ligo de Aŭstriaj virinaj asocioj) » tial laŭ invito de la Kongres-Komitato deklaris sin preta transpreni la gvidadon de la Virina Konferenco kun helpo de « Unuiĝo de esp-istaj virinoj ».

Ni tial invitas la virinojn, unuigitajn en la Virinaj Naciaj Ligoj kaj en Unuiĝo de esperantistaj Virinoj, partopreni en la 28-a Univ. Kongreso de Esp. kaj unuavice en la VIRINA KONFERENCO, por montri sian intereson por la virinaj demandoj kaj por la disvastigo de la mondhelplingvo Esperanto en la servo de la virinaj problemoj.

Ligo de Austriaj Virinaj Asocioj.

*Prezidantino:* Marie Hoheisel

Wien, IX., Sensengasse 5. Unuiĝo de Esp-istaj Virinoj.

# FAKTOJ POR LA PROPAGANDO

— En la jara kongreso de la Komisaroj de la Nacia Kriminologia Polico, okazinta en decembro en Parizo, nia konata samideano, s-ro A. Schwartz parolis pri enkonduko de Esperanto ĉe la Polico. La propono estis transdonita al la koncerna instanco por pristudado.

— Laŭ la lastaj statistikoj pri la Esperanto-Movado en Ĥinujo, 30.000 personoj lernis ĝis nun nian lingvon. En la lando ekzistas 50 Esperanto-grupoj kaj aperas 5 gazetoj.

— La Direkcio de la Philips-fabriko en Nederlando organizis Esperanto-kurson por siaj oficistoj kaj laboristoj.

— La Sveda Laborista Kleriga Asocio aranĝis en la pasinta jaro 538 Esperanto-kursojn kun 6.794 partoprenantoj.

— Laŭ nova statistiko, Esperanto estas instruata — ĉu devige ĉu laŭvole — en proksimume 1000 lernejoj en pli ol 60 landoj.

— La granda belga ĵurnalo « Gazet van Antwerpen » kaj la provincaj semajnaj gazetoj « Het Belang van Limburg », « De Bilzenaar » kaj « De Volkstem », regule publikigas monatan artikolon pri Esperanto. « De Morgenpost » havas semajnan esperantan rubrikon.

— En Grand-Hôtel des Etrangers, Monako, estas parolata Esperanto. La hotelo eldonis belan esperantan prospekton.

— La Federacio de Nederlandaj Societoj por interrilato kun fremduloj eldonis esperantan prospekton titolitan « La lando de Rembrandt ».

— La dana, larĝe konata ĵurnalo « Thisted Amts Tidendes », kiu aperas nun la 55an jaron, publikigas regule en sia Radio-Aldono, — laŭ iniciato de redaktoro Norup — la programon de la Radio-dissendoj en Esperanto.

— En la kongreso de la Societo pri Nova Eduko, okazonta en Nederlando en aprilo, nia samideano Prof. J. Glück faros paroladon pri la problemo : Esperanto kiel helpo en la instruado de kunvivado. En la kongreso estos uzataj la lingvoj angla, franca, germana, nederlanda kaj Esperanto.

— La ĉeĥaj gazetoj « Pilsner Tagblatt », « Westböhmische Tageszeitung», «Südböhmische Tageszeitung», «Marienbader Abendpost », « Marienbader Neueste Nachrichten » kaj « Egerländer Tageszeitung », regule havas Esperanto-angulon.

— La konata irlanda ĵurnalo « The Irish Catholic " ĉiusemajne publikigas Esperanto-rubrikon.

— La Nederlanda Sekcio de la Ordeno de la Rozkrucanoj decidis uzi Esperanton por siaj propagando kaj internacia korespondado.

— La Leningrada fabriko de porcelanaĵoj « Lomonosov » decidis eldoni sian prezaron en Esperanto.

— La Hungara-Itala Banko en Budapest (Hungarujo) enkondukis Esperanto-servon kaj Esperanto-korespondadon.

— Laŭ decido de la Urbestro en Tapa (Estonio), strato estis nomita « Esperanto-strato ».

— Laŭ speciala ordono de la Hispana Poŝt-Ministerio, la malpermeso surglui sur poŝtaĵoj ion, krom poŝtmarkojn, ne validas por Esperantaj propagandaj glumarkoj.

— De januaro ĝis septembro 1935, en nederlandaj gazetoj aperis 1500 publikaĵoj pri Esperanto.

— En Rumanujo aperis dum januaro 40 notoj pri Esperanto, en 18 gazetoj.

# ESPERANTAJ POŜTKARTOJ EN AŬSTRIO

La Aŭstria Esperanto-movado, povas nun noti novan, gravegan sukceson en sia batalo por enkonduko de Esperanto, kiel urĝe necesa helprimedo de l'internacia trafiko. Laŭ ĵus ricevita ofica informo de l'aŭstria ĝenerala direkcio de poŝtoj kaj telegrafoj en Wien,la nova—nun preparata—serio de oficialaj poŝtkartoj por korespondo kun la eksterlando (kun enpresitaj poŝtmarkoj de 35 groŝoj) surhavos maldekstre sur la adresflanko 50 diversajn bildojn de tipaj aŭstriaj pejzaĝoj kaj vidindaĵoj kun klarigo en la lingvoj germana, franca, angla kaj en *Esperanto.*

La eldono de la poŝtkartoj okazos en septembro de tiu ĉi jaro.

Jam antaŭe serio de aŭstriaj poŝtkartoj surhavis karakterizajn bildojn, sed ilia subteksto ne bone taŭgis por esperantigo, ĉar ĝi diris sole la *nomon* de l'koncerna strato, placo aŭ loko. Estis unue grave, konvinki la ĝeneralan poŝtdirekcion pri la neceso provizi la novan poŝtkart-serion krome per konciza frazo, klariganta la prezentatan bildon el historia aŭ fremdultrafika vidpunkto.

Tiu opinio pri la aranĝo de la nova eldono trovis ankaŭ la aprobon de la ĝenerala direktoro de poŝtoj kaj telegrafoj en Aŭstrio, sinjoro Julius Ritter von Stejskal.

La preparaj paŝoj por la eldono de Esperanto-poŝtkartoj datiĝas de septembro de l' pasinta jaro, kiam kortega konsilanto Hugo Steiner, okaze de aŭdienco ĉe la ministro de komerco kaj trafiko sinjoro *Fritz Stockinger,* sukcesis interesigi kaj gajni tiun eminentan amikon de Esperanto por tiu ideo. Kiel supera ĉefo de l'poŝta administrado la ministro instigis la ĝeneralan direktoron de poŝtoj okupiĝi pri la demando kaj intertrakti pri ĝia efektivigo kun sam. Steiner.

Nun ankaŭ Aŭstrio eniris en la vicon de la ŝtatoj, uzantaj oficiale Esperanton en la poŝta trafiko, kaj *ĝi faris tion en amplekso pli vasta ol siaj antaŭirintoj.* Ni esperu, ke tiu ĉi modela ekzemplo de Aŭstrio jam baldaŭ instigos aliajn ŝtatojn al imito.

D-ro Emil PFEFFER.

# Nokt'

*Nokt'... Mi rigardas al stelplena ĉielo*
*kiun neniu nub' vualas...*
*Jen ! kiel fajra sago — fulmrapide — stelo*
*en la nenion falas.*

*El mia vivo — samrapide — iluzioj,*
*pri kiuj multon mi esperis,*
*kaj karesintaj min per siaj lumradioj,*
*subite malaperis.*

Jan van SCHOOR.

## KRONIKO

— « Heroldo de Esperanto » decidis translokigi siajn eldonejon kaj redaktejon al Nederlando (Rotterdam, Voorhaven 43). En Kolonjo estos lasita filio.

— La 18-a Kongreso de Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista okazos de la 4 ĝis 8 aŭgusto 1936 en Moravia ĉefurbo Brno (Ĉeĥoslovakio). Aliĝojn akceptas kaj donas informojn Alesh. Berka, prezidatno de la prepar-komitato, Brno V, Jircharich.

— Leningrada Radio-Stacio disponigas por Esperanto 3 tagojn ĉiu-semajne : dimanĉe de 22 h. 50 ĝis 23 h. 20, marde je la sama tempo, ĵaude de 22 h. 20 ĝis 23.20 — laŭ mezeŭropa tempo. — Ondolongo 1224.5 m. Estas rekomendinde sendi aprobojn al la Radio-Stacio : Leningrad 11, Poŝtkesto 2, Esp. Bulteno.

— A. Pisarski-Woydakowski, Warszawa, Str. Zlota 38-35 petas ĉiujn esperantistajn ĵurnalistojn, verkistojn kaj poetojn, sendi sian biografion por preparata almanako.

— La Esperanto-Biblioteko en Shanghaï (Ĥinujo) petas pri alsendo de Esperantaj libroj kaj gazetoj, por ampleksigi la bibliotekon kaj fortigi la tiean propagandon. Adreso : P.O. Box 174, Shanghaï (Ĥinujo).

— Dum la nunjara Universala Kongreso en Wien estos prezentata en Esperanto la konata opereto « La Blanka Ĉevaleto » (Zum weissen Rössl).

— Nia blinda samideano, s-ro Julian Baquero (Falucho 42, Ciudadela F.C.O., Argentino) eltrovis novan skribmaŝinon por blinduloj, laŭ la Brajla sistemo. La aparato estas patentita.

— La kanceliero de la Universitato de Nov-Zelando akceptis esti la patrono de la Nov-Zelanda Esperanto-Asocio. Tiu-ĉi fakto favoros kaj vigligos la laboron de niaj tieaj samideanoj.

## *Eliras mi sola...*

de Lermontov.

*Eliras mi sola...*
*La vojo ŝloneca*
*Trabrilas nebulon.*
*Silentas la nokto.*
*La nuda dezerto*
*Aŭskultas al Dio.*
*La steloj mistere*
*Interparoladas.*

*Mirinde solenas*
*En alta ĉielo.*
*En lumo bluega*
*Sonĝdormas la tero.*
*Pro kio do al mi*
*Doloras, penigas ?*
*Deziras mi ion ?*
*Ĉu ion bedaŭras ?*

*Mi ne plu atendas*
*Ajn kion de l'vivo.*
*Pasinton mi ankaŭ*
*Neniel bedaŭras.*
*Deziras mi esti*
*Libera, kvieta.*
*Mi serĉas forgeson,*
*Trankvilan dormadon.*

*Sed ne en malvarman*
*Dormadon de l'tombo*
*Mi enprofundiĝi*
*Deziras eternen:*
*En korpo dormetu*
*La fortoj de l'vivo,*
*La brusto leviĝu*
*En milda spirado.*

*Ke tage kaj nokte*
*La aŭdon konstante*
*Karesu dolĉvoĉa*
*Kantado pri amo ;*
*Kaj super la tombo*
*Kverk-arbo malhela,*
*Eterne verdante,*
*Kliniĝu kaj bruu...*

Esperantigis C. Rosen.

## Dum la maja Foiro aŭ post la Viena Kongreso, pasigu kelkajn tagojn en Budapest

Per la modernaj relaŭtoj oni povas jam en kelkaj horoj atingi la hungaran ĉefurbon el Vieno. Verŝajne, multaj kongresanoj deziros antaŭ aŭ post la Viena Kongreso uzi la okazon por viziti — aŭ reviziti — Budapeston. Multaj certe ne forgesis el la pasintaj tempoj ankoraŭ, kiom bela kaj agrabla estas veturi sur la Danubo per komforta ŝipo, de mateno ĝis vespero, el Vieno al Budapest.

La Hungara Esperanto-Federacio decidis kune kun la Hungarlanda Esperanto-Societo aranĝi postkongresan viziton al Budapest. La karavanon al Vieno aranĝos S-ino *John* kun S-ro D-ro *Szilagyi*. Eble kelkaj grupoj jam preparos sian programon tiel, ke la veturo al Budapest estu enkalkulita.

Budapest entendiĝas de nordo al sudo dekok kaj de okcidento ol ariento dudek du kilometrojn. La plej longa strato estas 6.181 metrojn longa sur la montoj kaj 2.313 metrojn en la urbo. En la ĉirkaŭajo estas 31 montoj kaj montetoj. La loĝantaro parolas, kiel gepatrolingvon : 93,4% hungare, 4,1% germane, 0,9% slovake. La popolhistoria muzeo prezentas la vivon de la hungara vilaĝa kaj farma popolo. Dimanĉe oni povas fari tuttagan ekskurson al konata vilaĝo Mezokovesa, kie la gevilaĝanoj promenas en la multkoloraj hungaraj brodaĵvestoj. La plej bela pentraĵkolekto de la mondo estas en la Muzeo de la Belartoj ĉe la Urba Arbareto.

Esperantistojn povas ankoraŭ interesi kaj altiri la ĉarma esperanto-klubejo de la ERA- grupo kaj la eldonejo de Literatura Mondo. Skoltoj estas pretaj gvidi vin, esperante parolantaj tramvojistoj portas ŝildetojn kun la vorto « Esperanto ».

## Ekspoziciaj Foiroj de Kladno

Dum monato julio de tiu ĉi jaro okazos en nia urbo granda distrikta ekspozicio t.n. « Ekspoziciaj Foiroj de Kladno ». Ankaŭ E.-stando estas starigota. Por inde reprezenti nian lingvon, oni petas eksterlandajn samideanojn, societojn kaj entreprenojn, ke ili afable sendu konvenan materialon. Kiu posedas nenion ekspozeblan, bonvolu sendi almenaŭ vidaĵkarton de sia loko. Precipe pk. esperantlingvaj eldonitaj de ŝtatoficejoj estas dezirataj. Plivaloraj aĵoj estos laŭdezire — afrankite resendataj. Ĉiujn sendaĵojn bonvolu afable adresi al vicdelegito de UEA, S-ro V. Strihavka, oficisto, Kladno-Kübeck, 980. Ĉeĥoslovakujo.

# La ESPERANTO-DOMO en Arnhem

*kore invitas ĉiujn gesamideanojn al libertempoj, renkontoj, semajnfinaj kunvenoj kaj speciale al la someraj kursoj.*

La Esperanto-Domo estas bela renkontejo kaj libertempejo de ĉiulandaj geesperantistoj. Ĝi kuŝas en belega parko kaj ĝia hotelo por 50 gastoj estas instalita kun ĉiu moderna komforto (fluanta akvo, centra hejto, varma akvo, leg- kaj skrib-salono, biblioteko, ĉiuspecaj societaj ludiloj, fortepiano, bonega kuirejo k.t.p.).

En la Esperanto-Domo estas aranĝataj studaj kaj amuzaj kunvenoj, kaj agrablaj ekskursoj al la belega ĉirkaŭaĵo de Arnhem.

*Prezoj:* Ĉambro kun matenmanĝo : 2.50, 2.25 aŭ 2.— guld. ; pensiono (ĉambro kaj la tri manĝoj) : 3.50, 3.— aŭ 2.50 guld., laŭ la rango de la ĉambro (unu-lita, 2-4-lita, 5-aŭ pli lita). Apartaj manĝaĵoj kaj trinkaĵoj laŭ tarifo. Serv-mono 10% .En la komunaj ĉambroj la litoj estas apartigitaj per kurtenoj.

Por infanoj pli malaltaj prezoj.

Adreso : *Esperanto-Domo, Arnhem.* *(Esperanto-laan* 3. — *Telefono* 26060. — *Atingebla per tramlinio* 1, *haltejo Huygenslaan).*

---

*Libertempado de britaj geesperantistoj en la Esperanto-Domo en Arnhem,* 25 *Jul.*-1 *Aŭg.* 1936.

*Kurso pri la « Esperanta literaturo »,* 25 *Jul.*-1 *Aŭg.* 1936.

*Internacia perfektiga kurso,* 3-8 *Aŭgusto* 1936. —

La kurson gvidos *Andreo Cseh* laŭ speciala sistemo kaj kun aplikado de helpiloj, disponigotaj al la kursanoj.

La lecionoj okazos ĉiutage en 4 horoj (matene de la 9-a ĝis la 13-a). En la vesperoj estos *instruaj prelegoj* (pri la historio kaj organizo de la Esp-movado, pri la Esp-a literaturo k.t.p.) kaj *amuzaj aranĝoj.*

*Seminario por Cseh-metodaj instruistoj,* 10-15 *Aŭgusto* 1936. — Partopreni povas ĉiu persono, kiu estas aŭ deziras esti gvidanto de Cseh-metodaj kursoj.

*Internacia rondvojaĝo tra Nederlando kun centro en Arnhem,* 17-22 *Aŭgusto* 1936. — Je la invito de la *Nederlanda Fremdultrafika Unuiĝo,* la Cseh-Instituto, en kunlaboro kun la *Direkcio de la Nederlanda Ŝtata Fervojaro,* organizas unusemajnan internacian rondvojaĝon tra Nederlando, je speciala tre rabatita prezo.

*Informoj.* — Ĉiuj kursoj, prelegoj kaj amuzaj aranĝoj okazos en la Esperanto-Domo.

La kursanoj povos loĝi en la *hotelo de la Esperanto-Domo,* kie *plena pensiono* (komforta ĉambro kun fluanta akvo kaj la tri manĝoj) kostas por unu tago kaj unu persono : en unu-lita ĉambro 3.50, en du- ĝis kvarlita ĉambro 3.— en kvin- ĝis dek-lita ĉambro 2.50 guldenojn. (La litoj estas apartigitaj per kurtenoj). Servmono : 10%.

Aliĝante oni sendu la kotizon kaj mendu la hotelon, pagante la pension-prezon por almenaŭ 2 tagoj.

*Adreso* por aliĝoj kaj informpetoj : *Internacia Cseh Instituto de Esperanto, Riouwstraat* 172, *DEN HAAG, Nederlando (Telefono 556677. Poŝtĉekkonto: Den Haag 162626.)*

Estas konsilinde *baldaŭ aliĝi* pro la limigita nombro de la lokoj.

# LA PSIKA ESPERANTISTA LIGO

Dum la ĝis nun fonditaj societoj aplikas Esperanton ĉefe por la materia, praktika kaj ideala bezonoj de la homo, la nova societo intencas kulturi per ĝi speciale ĝian psikan, spiritan flankon.

La celo de la P.E.L. estas propagandi inter la Esperantistaro la spiritualisman viv- kaj mondkomprenon.

P.E.L. klopodas atingi tion okupante sin pri ĉiaj problemoj, rilate al la homa animo kaj la homa spirito. Ĉi-tiuj problemoj rilatas tutan serion da la tiel nomataj supernormalaj fenomenoj, kiujn oni observas ĉe magnetismo aŭ homa radiado, hipnotismo, telepatio, psikometrio, mediumeco, klarvido, klaraŭdo, duobliĝado aŭ eksteriĝado, postmorta vivo, k.c.

La organizo de P.E.L. estas internacia, tamen tre simpla. La Ligo konsistas el Administranto, Naciaj Agentoj kaj ordinaraj membroj.

Estas nenia deviga aŭ fiksita kotizo por ke eĉ la plej malriĉa interesato povu partopreni la laboron. La efika disvolviĝo de la Ligo dependas sole de la memvolaj donacoj de membroj kaj aliaj simpatiantoj.

Nur per forta organizo kaj persona propagando P.E.L. fariĝos grava ilo por la homa progreso. Per la Komuna lingvo ĝi havas la privilegion labori sur la plej ampleksa bazo : la tuta mondo

Interesatoj, ĉu pri informo, ĉu pri membriĝo, povas turni sin al la Administranto : S-ro A. W. Thomson, 35 Dallin Road Bexlyheath Kent, London W.C.1.

*La Psika Esperantista Ligo.*

# La provizora programo de la 7-a Flandra Kongreso de Esperanto

Pentekosto 1936 : GENT. Raapstraat 82

---

*Sabato, 30-a de Majo.*

Malfermo de la akceptejo. Kunveno de la membroj de la Flandra Esperanto-Instituto. Kunveno de la Estraro de Flandra Ligo. Malfermo de la Kongreso en la « Raadskelder ». Balo — tombolo (de nekonataj premioj — tiu kiu volas partopreni kunportu ion) — deklamoj — kantoj.

*Dimanĉo, 31-a de Majo.*

Malfermo de la akceptejo. Diservoj kun Esperanta prediko. Vizito al la Belfrido (Belfort). Kunveno de ĉiuj kongresanoj sur la Paradoplaco. Sekvantara iro al la urbodomo. Fotografado ĉe la ŝtuparo de la urbodomo. Oficiala akcepto de la urbestraro kaj vizito de la urbodomo. Jarkunsido de Flandra Ligo Esperantista. Festeno en la « Raadskelder » Promenadetoj kaj vizitoj al malgranda beginejo, grafa kastelo, Sta. Bavo preĝejo, folklora muzeo. La kongresanoj estos gvidataj grupe. Kunveno de F.U.K.E. en la saloneto de la Patroj Dominik- anoj. Esperantista festo en la « Raadskelder » — Balo — Elekto de gereĝoj kaj gekorteganoj. — Disdono de premioj al la plej granda grupo kaj la plej granda eksterlanda karavano.

*Lundo, 1-a de Junio.*

Forveturo de la ŝipo ĉe la « Recollettenbrug ». Naĝado — promenado — societaj ludoj. Tagmanĝo. Surprizo por la unua kongresano de ekstere Granda Gent, kiu sin prezentos en la akceptejo, kaj ankaŭ por tiu, kiu restos ĝislaste.

## Klarigoj kaj Konsiloj

9) *S-ro M. (Nederlando).* Detalajn informojn pri la historio de nia movado, mallongajn biografiojn de niaj pioniroj kaj verkistoj, pri nia literaturo kaj gazetaro — ĝenerale pri ĉiuj konsiderindaj okazintaĵoj de nia movado vi trovos en la duvoluma Enciklopedio de Esperanto, eldonita de Literatura Mondo. La verko, kiu ampleksas 600 paĝojn kaj aparte kelcentojn da portretoj kaj ilustraĵoj, estas havebla ankaŭ ĉe UEA.

10) *S-ro P. (Hungarujo).* Ni bone komprenas kaj respektas viajn sentojn. Vi tamen ne pravas. Niaj samideanoj en la koncerna lando estas kompatindaj, sed neniel riproĉindaj. Ĉu apartaj personoj estas respondecaj pri la registaro de sia lando ? Ni devus — se ni povus — ĉiumaniere sentigi al niaj tiulandaj samideanoj, ke ni morale estas kun ili.

11) *S-ro Z. (Polujo).* Ĉiu esperantisto certe havas la moralan devon aparteni al Esperanto-grupo kaj ĉeesti la kunvenojn. Se la kunvenoj ŝajnas neinteresaj, pri tio kulpas la forestantoj. Via ideo instigi *individue* ĉiun esperantiston en via urbo ĉeesti la kunvenojn, resp. enketi pri la kondiĉoj, je kiuj li partoprenus ilin, estas bonega. Estas certe provinda vojo.

12) *S-ro S. (Ĉeĥoslovakio).* « Esperanto en la bibliotekojn » estas tre grava problemo. Oni povas nur bedaŭri, ke ĝis nun oni ĝin malmulte konsideris. La malfermo de Esperanto-fakoj en bibliotekoj, almenaŭ en popolaj, alproksimigus nian literaturon al la esperantistoj, plivigligus la libro-merkaton, plifirmigus la situacion de niaj eldonejoj. Krom tio, esperantaj libroj en bibliotekoj estus jam per si mem tre efika propagando. Kaj tio estas pli malpli facile atingebla.

13) *S-ro T. (Japanujo).* Ĉiuj gazetoj de la mondo interesiĝas pri la opinio de la legantoj pri la enhavo. « Esperanto » ne estas escepto. Sed vi devas atenti, ke nia legantaro rekrutiĝas el preskaŭ ĉiuj landoj de la mondo, el reprezentantoj de ĉiuj nacioj, de ĉiuj religioj, de ĉiuj klasoj. La kritikoj, kiujn ni ricevis, estas plej parte tute malsamaj, kontraŭdiraj. Kio kontentigas unu leganton, enuigas kaj eĉ indignigas alian. Aprobo kaj riproĉoj koncernas la saman artikolon. Kion do devas fari la redaktoro ?

14) *S-ro J. (Usono).* Vi verkis novan artefaritan lingvon. Ni kore gratulas vin. La helplingva movado ĝuste bezonis ankoraŭ unu lingvon krom la ĉirkaŭ 200, jam ekzistantaj. Eble efektive estas pli belsone diri « bi » ol « du » kaj « biko » ol « dudek ». Ni tamen dubas, ĉu penvaloras pro tiu certe tre utila kaj interesa ŝanĝo nuligi la tutan laboron, faritan de la Esperanto-pioniroj dum duonjarcento, forbruligi la tutan Esperanto-literaturon por rekomenci — kun renoviĝitaj fortoj kaj entuziasmo — propagandon por via lingvo.

M. M.

---

26 januaro 1936 la morto forrabis el niaj vicoj unu el niaj pioniroj, *Michele Arabeno.* Esperantisto de 1911 li fervore laboris favore al nia movado. Tradukis novelojn, rakontojn, monologojn. Pri la traduko de *Devoj de la Homo* de Mazzini li ricevis la titolon profesoro. Depost la sepa kongreso li ĉeestis ĉiujn Universalajn Kongresojn. Li ripozu en paco.

---

## BIBLIOGRAFIA SERVO DE UEA

*J. Lejzerowicz.* El la « Verda Biblio ». Eldonis Literatura Mondo, Budapest. 104 paĝoj. Formato 11,5 × 15 cm. Prezo broŝ. sv. frk. 0.90, tolbind. sv. frk. 1.50 plus sendkostoj 10%. (1936-8).

*O. Ginz kaj Stan. Kamaryt.* Ĉeĥoslovaka Antologio. Eldonis Literatura Mondo, Budapest. 465 paĝoj. Formato 15,5 × 23 cm. Prezo broŝ. sv. frk. 12.—, bind. sv. frk. 13.50 + afranko 10%. (1936-9).

*Upton Sinclaire, trad. W. Bailey.* Petrolo, Vol. 1. Eldonis Brita Esperantista Asocio, 142 High Holborn, London W.C.1. 306 paĝoj. Formato 12,5 × 19 cm. Prezo bind. 3ŝ 6p. Afranko 6 p. (1936-10).

*A. Couto Fernandes, Carlos Domingues, L. Porto Carreiro Neto.* Dicionario Português-Esperanto. Eldonis Brazila Ligo Esperantista, Av. Marechal Floriano 212, Rio de Janeiro (Brazilo). 488 paĝoj. Formato 14 × 18.5. Prezo kartonbindita sv. frk. 6.—, tolbindita sv. frk. 7.—. (1936-11).

*Stjepan Miŝak.* Tra mistera Oriento aŭ miaj memoraroj, 4a volumeto. Eldonis Stjepan Miŝak, Giritli-Mahalesi N-ro 110, Adana (Turkujo). Paĝoj 123-160. Formato 8 × 10. Prezo 2 internaciaj respondkuponoj. (1936-12).

---

## Recenzoj

Rainer Maria Rilke : *Leteroj al juna poeto.* Tradukis el la germana A. Münz. Eldonis Literatura Mondo, Budapest, 47 pĝ.

Senpere kaj senenvie Literatura Mondo rajtas havi la predikaton « literatura ». Kion la samideanoj en Budapest eldonis ĝis nun, ĉiam portas la stampon de vera literaturo. El la longa lastjara libroviĉo de la eldonejo kuŝas antaŭ mi la « Leteroj al juna poeto » de Rainer Maria Rilke. Bona elekto el la libromaro germana. Ne gravas, ke Rilke ne plu apartenas al la vivantaj poetoj germanaj. Gratulon pro tiu elekto al la eldonintoj ! Ĉu ili kaj la tradukinto intence volis doni konsilojn al niaj verkantoj kaj verkistoj ? Ĉiukaze legu ĉi tiun verkon de la germana lirikisto ĉiuj, kiuj sentas emon al verkado. — Ĉar la libro aperis ĉe Literatura Mondo, ĝi enhavas la neologismojn, speciale flegatajn de tiu eldonejo, kvankam en digestebla kvanto. — Preso, papero kaj bindo tuj karakterizas libron de la hungara eldonejo.

— pp —

« *Kan-U-Go* ». Kartaro por Krucvortludo. Sola vendrajto por la Esperanto-eldono : Brita Esperantista Asocio, 142, High Holborn, London WC. 1.

Kiam mi unue ekvidis ĉi tiun skatolon, mi pensis pri nova esperanto-parfumo. Sed kun agralba seniluziiĝo mi konstatis kiel enhavon Esperanto-kartoludon ! Tiel bonaspekta estas la ekipo de ĉi tiu krucvortludo. Kaj la kartoj mem estas same bonaj. Perfekta kartoludo ĝi estas kaj ĝi favore distingiĝas de aliaj Esperanto-kartoludoj. Mi jam vidis vere primitivajn kartoludojn. Certe, ankaŭ ili servis bone, sed ĉi tiu Kan-U-Go estas perfekta laŭ ĉiu direkto. La ludreguloj estas tiel simplaj, ke ĉiu esperantisto, ankaŭ komencantoj, povas partopreni. Ĉiu grupo devas posedi unu aŭ pli da ludoj, ĉar oni lernas ludante.

ELGE.

*Facilaj Esperantaj Legaĵoj.* Kompilitaj de Prof. G. Waringhien. Eldonis Esperantista Centra Librejo, 11, Rue de Sèvres, Paris, 1935, 94 pĝ.

Nova legolibreto ! Ĝi aperis en la kolekto de Franca Esperanto-Instituto kiel dua verko. Sendube ĝi bone servos kiel instrua legaĵo-distrilo. La enhavo estas tre varia, elektita el konataj Esperanto-gazetoj, el la verkoj de nia

Majstro, kaj el tiuj de aliaj famaj stilistoj i.a. Kabe. — Klara preso, bona papero kaj konvena formato por oportune kunporti ĝin en la poŝo.

ELGE.

Jan Wolski : *Ĉu ĝi estas nur fabelo* ? Kooperativa Junular-Romano. Esperanta, per la aŭtoro kompletigita eldono. El pola lingvo tradukis Kpt. Roman Dabrowski. Eldono de Esperanta Eldon-Kooperativo, Al. Jerozolimskie 101, Varsovio, 1935, 142 pĝ. plus 15 pĝ. da rimarkigoj.

Ne, tio ne estas fabelo ! Ĉar la kooperativo jam estas sufiĉe malnova kaj ĝi jam ne estas nura ideo, sed praktike elprovita kaj uzita rimedo por plifaciligi la homan vivon. Sen larĝa pritrakto de la kooperativo mi volas diri, ke la libro temas pri infana aŭ junulara kooperativo, kies iom-post-ioma starigo en pola vilaĝo estas priskribita. Kaj priskribita en bona maniero — ĉiurilate. Oni sentas dum legado la volon de praktika eduko al reciproka helpo de ankoraŭ junaj hominfanoj. — La traduko estas bona, kvankam ĝenas kelkfoje nekutima (eble pollingva) fraz-konstruo, kaj la stranga uzo de -ĉjo kaj -njo. Laŭ la fundamento oni uzu tiujn kareso-sufiksojn ĉiam post vokalo, dum en ĉi tiu verko oni preskaŭ ĉiam uzis ilin post konsonantoj, kio tre malklarigas la nomojn. Kaj la prononco parte tre malfaciliĝas. Bonaj kaj certe bonvenaj estas la klarigaj rimarkigoj ĉe la fino. — La libro estas presita sur bona senligna papero, kaj la preso mem estas senriproĉa.

Bona verko kaj valora kontribuo por edukado al helpemo kaj zorgo por aliaj homoj. — Do legu mem, aŭ pli bone : donu la libron en la manojn de knaboj kaj knabinoj !

— pp —



## INTERNACIA KORESPONDADO

Tri vortoj kostas sv. Frk. 0.30 ( = 1 respondkupono). La nombro de vortoj ne estas limigita. Ĉiu el mallongigoj, mulsupre indikitaj, valoras unu vorton.

**Mallongigoj :**

*c.r.:* certe respondos.
*dez.* deziras.
*f-ino :* fraŭlino.
*gaz.:* gazeto.
*intŝ.:* interŝanĝo.
*k.ĉ.l.:* kun ĉiuj landoj.
*kor.:* korespondi.
*L.:* Letero.
*p. ĉ. t.:* pri ĉiu temo.
*PI :* poŝtkarto illustrita.
*PK :* poŝtkarto.
*PM :* poŝtmarko.
*s-ino :* sinjorino.
*s-ro :* sinjoro.

*Brisbane* (Aŭstralio).
S-ro O. H. Behncken, c-o Taxation Office, Georg Street, Brisbane, serĉas korespondantojn en ĉiuj landoj, L aŭ PI (ne kolektas PM).

*Rahumäe* (Estonio).
S-ro H. Jõeleht, Pikk 3-2, dez. intŝ. PM (sendifekt.) kun tuta mondo. Peco por peco.

*Clinton* (Missouri-Usono).
S-ro Rex Booth, 311-N, 3rd Str., L, PI., fotojn, pĉt. kĉl.

*Islauzas* (Litovio).
S-ro A. Prapuolenis, past. ag. intŝ. folkloron kaj literaturon por gejunuloj.

*Risskov* (Danujo).
S-ro C. A. Hvorslev, instruisto, Asylvej 1, intŝ. PM.

*Stuttgart-Unterlürkheim* (Germanujo).
S-ro Karlo Schmaŭder, Im Hag 6, sendas belajn PM kontraŭ 3 resp. kup. kaj fil. afranko. Ankaŭ intŝ.

*Amsterdam* (Nederlando).
S-ro N. Zilver, Damrak 95, PM.

*Drancy* (Franc.).
Kolektantoj. « Filatelisto Esperantista » 30, Chemin Vert, anoncas senpage viajn interŝanĝodezirojn.

*Montrouge* (Francujo). — Esperantogrupo en Montrouge, konsistanta el branĉotranĉisto, lernantino dekjara, vestotranĉisto, cementisto, komercoficisto, tri mekanikistoj, oficisto kaj librooficisto, dez. kor. kolektive kaj individue kun ĉiutendencaj gekamaradoj ĉiulandaj. Dez. ankaŭ internacie kunligi per Esperanto div. popolfrontajn organizajojn el sia urbo kun ĉiutendencaj organizajoj el tutmondo, kaj Komitaton de Hejmistinoj kaj Patrinoj el Montrouge (Ruĝmonto) kun ĉiutendencaj virinasocioj, interalie nederlandaj. Ĉion adresu : Malfère, 1 rue Arthur Auger, Montrouge (Seine).

## UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO LIBRO-SERVO

1, Tour de l'Ile, GENÈVE

(2-a listo)

**Drozdov, A.** — Krucumo ............ *Broŝ.* 0.50

**Grau Casas, L. K.** — Kataluna Antologio, dua eldono. *Broŝ.* 5.—

**Internacia Teatrajetaro.** — Originale verkitaj de diverslandaj aŭtoroj .................... *Karton.* 1.25

**Kabe.** — Internacia Krestomatio...... *Karton.* 1.25

**Kantas la Hungara Skolto.** — Hungaraj kaj skoltaj kantoj. Tekstoj kun muzikaĵoj ............ *Broŝ.* 0.30

**Kreuz, — L. K. & Mazzolini, — L. K.** — Komerca Vortaro. *Broŝ.* 1.—

**Kristo kaj la ligo de la nacioj.** — Benedikto XVa pri la kristana pacprogramo ............. *Broŝ.* 0.25

**Petöfi, A.** — Johano La Brava. El la hungara originalo — K. de Kalocsay ................. *Broŝ.* 1.50

**Privat, Edmond.** — Esperanto Langue auxiliaire internationale. Manuel Pratique avec grammaire complète, exercices de conversations et double vocabulaire. *Karton.* 1.50

**Privat, Edmond.** — Karlo. Facila legolibro. *Broŝ.* 0.70

**Rousseau, C.** — Poliglota Vade-Mecum de Internacia Farmacio. Extracta ex diversis Pharmacopoeis cum Vocabulario ex 9 Linguis per Esperanto. *Tole bind.* 7.—

**Saldanha Carreira & Luzo Bemaldo.** — Curso Elementar de Esperanto. 2a eldono .............. *Karton.* 3.—

**Sakaria, Hillar.** — Enkonduko en la pedagogion (Historia Skizo) ............................ *Broŝ.* 0.65

**Sappl, H. Prof.** — Kiel oni fondas kaj organizas esperantan grupon. Kun aldono de statutoj por esperantaj grupoj. Dua, plibonigita kaj pligrandigita eldono *Broŝ.* 0.40

**Silha, Antonin D-ro.** — Ečebnice pomocné mezinarodni reči Esperanto pro školy i soukromé studium. *Karton.* 2.—

**Solomon, G. Gladstone.** — Esperanto por Infanoj. Ilustrita. *Karton.* 2.—

**Stettler, Ed.** — Hector Hodler. Lia vivo kaj lia verko. *Karton.* 2.50

**Vámbéry, Rustem D-ro.** — Kriminologio. Tradukis el hungara : D-ro C. Toth, polickonceptisto. *Broŝ.* 0.90

**Zamenhof, L. L.** — Universala Vortaro de la Lingvo Internacia Esperanto. Eldono armena.... *Broŝ.* 1.50

**Zawada, Jan.** — Esperanto-pola vortaro kun gramatiko kaj klarigoj .......................... *Broŝ.* 2.50

**LA PREZOJ ESTAS INDIKITAJ EN SVISAJ FRANKOJ**

**POR SENDKOSTOJ ONI ALDONU 10 procentojn.**



L'IMPRIMEUR-GÉRANT : GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE. 293-4-36.